Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

# Aŭstraliaj Esperantistoj

Novaĵa Letero de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

15/12/2011 Deksepa Eldono 2011

Mallongaj Informadoj, Diskutoj, Sugestoj, de vi kaj ni.
Se vi trovas bonan informon informu Aŭstraliajn Esperantistojn.

**Ni invitas ĉiujn Esperantistojn kontribui al tiu novaĵa letero.**
Kondiĉoj estas mallonga letero, pri kaj en Esperanto, kun via nomo.
**Via letero ne estos korektita kaj vi respondecas pri ĝia enhavo.**



**Pensu!**
**Kritiku!**
**Laŭdu!**
**Skribu!**
**Progresu!**

Tiu ĉi letero havas "Hyperlinks" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

## Tajpu la esperantajn literojn

**Por vindozaj komputiloj.**
**Ek! - Esperanto** ctrl+click to follow link
Tajpi - Installation ctrl+click to follow link
Apple-Macintosh Bonvolu peti helpon de Donald Broadribb <donbroadribb@mirmekobo.com>

## La epoŝta programo "*gmail*"

**de Google** transsendas la esperantajn literojn tute bone (kontraste kun yahoo.com).
Kun Yahoo uzu "plain text" (ne html)
Keyman Desktop Light 7.1, kiu estas aĉetebla perrete. **Uzu Esperantajn literojn**

Traduku angla ĝis Esperanton komputile uzu **http://itranslate4.eu (Sed poste korektu ĝin**

## Rekomendatan Legadon

"*Mirmekobo*," ĉe mirmekobo.com
de Donald Broadribb

"Tamen Plu" de Bob Felby
esperantobob@bigpond.com;
Ni sendos kopion al niaj konataj retadresoj

"Esperanto sub la Suda Kruco" de AEA
www.esperanto.org.au info@esperanto.org.au

La retadreslisto estas uzata por elsendu Esperantajn Gazetojn (post ies peto). Mi ĉiam uzas "Bcc" (Blind carbon copy) lokon por konservu la adresojn sekreta.

"Aŭstraliaj Esperantoj" ne estas ligita al iu ajn periodo. Do la informo povas esti akurata.

Mi enmetu en la novaĵletero sencezurajn opiniojn se vi skribas mallonge kaj Esperante.
Ne gravas ĉu mi ŝatas aŭ ne.
Kaj kun la Esperantaj literoj mi petas.

**La novaĵletero estas sendata al 181 retadresoj.**

**Informu la Australiajn Esperantistojn pri viaj ideoj**

Mi metis senpagan Freeland vortaron en mian komputilon kaj trovas ke ĝi estas tre uzebla.
http://www.freelang.net/dictionary/esperanto.php

se oni prokrastas ĝis perfekto, oni faras nenion, ĉar atendas la morto. Ne Ĉargrenu! sed Parolu!, Skribu!,

Kara Roger !
Koran dankegon, ĝi estas bona, eĉ bonega !
Mi vidas, ke la novaĵletero fariĝas ĉiam pli kaj pli populara ! Mi tre ĝojas !
Plej amike, Bob Felby

Kara Roger, (re lingvaj eraroj ĉe Novaĵletero)
Ne gravas viaj eraroj tiaj. La grava afero, estas ke danke al AE multaj aŭstraliaj esperantistoj nun informiĝas pri kaj interrilatas kun aliaj. Kiel diras tiu poemo de Hilda Dresen en la lernolibro, "Ne cedu! Nur kredu!" La aŭstralia E-komunumo nun ekkomencas reunuiĝi.
Amike, Max. Wearing

Kara Roger,
Jen mallonga letero por la FdAE Novaj-Leteroj.

Gordon Coleman coleman839@gmail.com

Alvenis malĝojiga tempo por Esperantujo, AEA, organizo kun honorinda historio de pli ol cent jaroj, faladas en forgesitecon, kaj homoj apenaŭ levas eĉ fingreton por savi ĝin. La plej multo el ni simple sidas senmoviĝe kaj permesas, ŝajne, ke unu persono elektu kiel "direktorojn", nur tiujn, kiuj konsentos subteni kapricojn kaj dorlot-projektojn ŝiajn.
Mi ofte kriis en angoro pro tio, sed nun preĝadas, ke baldaŭ ni ekplanos revivigon de tiu iame eminenta asocio, kaj ĉesigos ĝian aktualan ruiniĝon.
Ĉar mi estas nespertega esperantisto, mi ne aŭdacus kandidatiĝi por tia rolo kia AEA-prezidanto; sed antaŭ nelonge, mi rekandidatiĝis por repreni la rolon de AEA-estrarano. (Mi jam servis kiel vic-sekretario de la AEA-estraro dum prezidantis Igor Couto.) Subtenis mian kandidatiĝ-proponon spertaj esperantistoj Trevor Steele kaj Max Wearing. Eĉ ne respondis, tamen, la aktuala prezidanto. Ŝi volonte akceptis kiel estraranojn amikojn eĉ malpli spertajn ol estas mi, kaj familianinon sian, kiu tiam estis nek AEA-membro nek eĉ E-komencanto.
Kvankam mi estas esperantisto ne treege sperta, mi tamen havas valoregajn spertojn pri instruado, moderna komunik-teknologio, event-organizado, tutmonda vojaĝado, subtenado de MondVizio ("World Vision") kaj ties malriĉaj infanoj en malriĉegaj landoj. Mi havas spertojn valorajn ankaŭ pro mia partoprenado en eklezio kaj en la framasona movado. Mi jam instruis Esperanton kiel "LOTE" en ŝtatlernejoj dum kvin jaroj, kaj organizis kelkajn long-semajnajn E-eventojn en Adelajdo. Vi eble jam legis raporton en aŭstralia aŭ alilanda gazeto pri la vintro-kursaro en junio 2011 en lernejo Sheidow Park, SudAŭstralio. Partoprenis ĝin pli ol 20 homoj.
Miaj lernantoj regule korespondas kun alilandaj E-lernantoj. La unua bazlernejano, kiu aperigis letereton en la novaĵ-letero, Aŭstraliaj Esperantistoj, estas lernantino mia. Grupoj el miaj lernantoj foje kunverkas kaj prezentas E-teatraĵetojn. La ĉeestantaro de la jubilea AEA-kongreso en Universitato de Adelajdo bone akceptis kaj aplaŭdis unu el tiuj.
Desapontas min, ke dum la pasintaj kelkaj semajnoj, la AEA-estraro nuligis kaj la somerkursaron en Sidnejo kaj la AEA-forumon. Mi bonvenigas la aperadon de Aŭstraliaj Esperantistoj, kaj esperas kunlaboradi por ree antaŭenigi Esperanton en Aŭstralio sub estonta gvidado de tut-aŭstralia esperanto-komunumo.

Gordon Coleman coleman839@gmail.com

**Mi havis demandon de Gordon Coleman re la Esperantoj literoj ĉar la ligo ĉe la novaĵletero ne funkcis.**
**Jen respondo de Donald pri la problem**

Mi sendis al vi ekzemplerojn de *Ek*, *Tajpu*, kaj la *Macintosh-dosieron*, kun la celo ke vi tenu ilin sur via komputilo kaj ke se legantoj de via periodaĵo volos iun el ili, ili povos peti ke vi transsendu ĝin al ili. Anstataŭe, vi presis la URL-ojn de *Ek* kaj *Tajpu* por ke legantoj povu elŝuti ilin rekte per la Reto.

La *Macintosh-dosiero* estas speciala dosiero preparita de mia mortinta filo, kaj ne elŝutebla per la Reto. Mi proponas ke vi presu la komunikaĵon ke oni povas havigi ĝin de mi mem, se oni rekte sendos sian peton al mi. Bonvolu peti ilin skribi tiucele al mi ĉe mia mirmekoba adreso.

Donald Broadribb
donbroadribb@mirmekobo.com

Se vi trovas problemojn, informu nin.
Ni, Esperantistoj, sercos solvon.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx.

Saluton Roger kaj Mei, Ne necesas sendi papera kopio de la Telopeo al mi nun, mi havas novan presilon kiu iras !
Mi tre ŝatas legi la "Aŭstraliaj Esperantistoj" kaj mia lingvo plibonigas.
Ankaŭ mi elŝutis la programo por la supersigno, bone.
Daŭrigu kun la bonajn laborojn kaj se neniu kritikas, vi faras bone. Dankon XXX

**Nun mi enmetu interesajn leterojn mi ricevas. Se mi ne havas permeson por enmetu la nomon de la skribanto, mi subskribu XXXon**

Skribu! Skribu! Skribu! Skribu! Skribu! Skribu!

Kara Roger,
Mi estus tre danka se vi povos publikigi al la esperantistaro sur via listo ke se iu volas membrigxi al UEA au al ILEI, au aboni 'Juna Amiko', valoros sendi aligxilon kaj abonilon al Steve Pitney tuj kiam ricevita en ESK, cxar la prezoj altigxos post la 31a de decembro.
Dankon Jennifer, bishop.jennifer699@gmail.com;

Sydney Morning Herald Mentioned?? Esperanto
http://www.smh.com.au/entertainment/the-vocal-frontier-linguists-on-a-mission-to-explore-strange-new-words-20111211-1oplv.html Nicole Else

Mary Mills nun havas Skype kaj uzas ĝin inter 4ptm ĝis 5.30ptm tage? Ŝi deziras ke Esperantistoj vokas ŝin por konversacii.
Ŝia Skype nomo estas Mary Grace Mills.
Ŝi estas sola Esperantistino ĉe Orange. NSK
Eble aliaj izolaj Esperantistoj deziras same.
Se jes, mi enmetu liston da adresoj ĉi tie

## Vortoj de "Lernu"

ORGANO
1. Parto de la korpo, adaptiĝinta al speciala vivofunkcio (se paroli pri plurĉela vivulo):
Okulo estas la organo de vidado.
Vi ne povas ĝin tiel facile mortigi, ĉar ĝi ja estas viva organa kreitaĵo!
Li havas iujn problemojn pri la digesta organaro.
Unuĉelaj vivuloj estas senorganaj.
2. En maŝino, ĉiu ero destinita por plenumi specialan funkcion:
Vi devas kompreni pri la organoj de horloĝo.
Ĉeforgano estas parto de komputilo, kiu interpretas maŝinlingvajn instrukciojn, prilaboras datenojn kaj regas la funkciadon.
3. Rimedo de komunikado, opiniesprimilo de partio, afero, sekto, ligo kaj simile:
Ĉi tiu gazeto estas oficiala organo de nia organizo.
4. Grupo de komisiitoj kaj oficistoj, kiu plenumas apartan taskon en la funkciado de ŝtato, partio kaj simile:
La Ŝtatkongreso estas la plenuma organo de la Respubliko San-Marino.

SIGNIFI
1. Havi precize difinitan sencon:
Tio, kion vi diras, signifas nenion.
La ŝanĝoj ne estis tiom signifaj.
Ŝi ridetis per dusignifa rideto.
Li direktis multesignifan rigardon al la virino.
Ne ĉiuj vortoj estas unusignifaj.
Titolo sen mono - sensignifa sono.
2. Egalvalori kiel:
Libere spiri ne signifas vivi.
3. Esti la signo aŭ antaŭsigno de:
Malsupre flugantaj hirundoj signifas pluvon.
4. Havi difinitan valoron:
Ĉu mia amo ion signifas por vi?
Nia kongreso havas apartan signifon.

RIPETI
Denove diri aŭ fari tion, kio estis jam dirita aŭ farita:
Mi ne volas ripeti tion, kion mi jam diris.
Se amiko petas, li neniam ripetas.
La historio sin ripetas.
Ripetata parolo pri la sama titolo.
Evitu la ripeton de unu sama vorto en unu sama frazo.
Ripeta enkapigo de vortoj kaj gramatikaj reguloj estas unu el la manieroj por lerni fremdan lingvon.
Mi ofte ripetadis al mi, ke mi sukcesos pri tio.
Ripetado estas plej bona lernado.
La lasta frazo ripetiĝas dufoje.
La sama informo ripetiĝadis en ĉiuj retpaĝoj.